# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)

CAMOENS

**3a jaro** **Aprilo 1933** **N-ro 24**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO-OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



TIPOGRAFIA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

## Acta de la Junta Central Ejecutiva de H. E. A.

En Madrid, a las diez y nueve horas del día 13 de marzo de 1933, en el domicilio de la Asociación (Sagasta, 10 - Cruz Roja Española), se reunió la Junta Central Ejecutiva, con asistencia de los miembros anotados al margen.

Se da lectura de las actas de los días 13 y 17 de febrero último, siendo aprobadas.

La señorita Lucrecia de San Antonio informa, en nombre de su padre, que, para proyectar la película de Colonia, se exige poner en castellano el texto esperanto, y se acuerda que se haga así, teniendo en cuenta la necesidad de propaganda y puesto que el arreglo sólo asciende a 150 pesetas aproximadamente.

Se da cuenta de una proposición del señor Buzón, para que la Revista solamente aparezca con texto en esperanto y para que el Comité de Redacción cumpla la obligación, que él entiende le incumbe, de escribir para la Revista. Se hace presente que el texto español es imprescindible en las actas y en algunos textos, y que así se opinó en gran parte también, por lo que, convencido, el señor Buzón retira esta parte de su proposición. Se expresa al señor Buzón que en la Asociación no se puede obligar a nadie a nada; que la misión de pertenecer al Comité de Redacción no implica la obligación ineludible de escribir para ella; que la Revista nunca está falta de original; que todos los miembros de H. E. A. pueden remitir original y que precisamente el examen de este original y la decisión de aceptarlo o rechazarlo son las verdaderas misiones del Comité; y, después de estas consideraciones, se acordó rogar a los miembros del Comité de Redacción que envíen el original que puedan.

Se acordó, en virtud de no poder desarrollarse el curso para maestros en Orense, intentar lo sea en Zaragoza, invitando a D. Emilio Gastón, aunque no pertenece a H. E. A., para explicar dicho curso.

Se da cuenta de un proyecto de caravana a Colonia, en colaboración con la «Sociedad Francesa para la propaganda del Esperanto», de lo que oportunamente se darán toda clase de datos. Igualmente se da conocimiento de los informes del Comité organizador del X Congreso de H. E. A. sobre la medalla para el mismo y propaganda.

Y no habiendo más asuntos de que tratar, se levantó la sesión a las veinte y diez minutos de dicho día.

El Vicesecretario, *Jacinto Martín*.—V.° B.°: El Presidente, *Julio Mangada Rosenörn*.

NOTA.—Asistieron el vicepresidente D. José Perogordo, el tesorero D. Julián Sosa, el bibliotecario D. José Buzón, el vocal de Castilla la Nueva D. José Artigas, el presidente y el vicesecretario.

# KLARIGO PRI LA NOVORGANIZO DE LA ESPERANTISTA MOVADO

La sintenado de la gvidantoj de U. E. A. pri la *Universala Federacio Esperantista* (U. F. E.) montras ke ili ne komprenas—aŭ ne volas kompreni—la nunan staton de la esperantista movado, kaj la rolon de U. E. A. en ĝi.

Ĉar granda nombro de U. E. A.-anoj konas la demandon nur per la klarigoj de tiuj gvidantoj, estas necese montri al ili, mallonge sed klare, la motivojn de la starigo de U. F. E.

* * *

*De la Kontrakto de Helsinki en* 1922, la esperantista movado konsistis el du *internaciaj partoj*:

1-e. *Kuniĝo de la naciaj societoj de propagando*, realigita de la konstanta reprezentantaro (K. R.), t. e. aro de reprezentantoj de tiuj societoj, unu por ĉiu societo, kiuj ekzamenas kaj solvas la demandojn pri kunlaborado de tiuj societoj por la propagando.

2-e. *Universala Esperanta Asocio* (U. E. A.).

Tiuj du partoj elektas la ses membrojn de *Internacia Centra Komitato* (I. C. K.), kiu prizorgas la ĝeneralajn interesojn de la movado, organizas la universalajn kongresojn, kaj gvidas la tutmondan propagandon.

* * *

Ni ekzamenu tiujn du partojn (K. R. kaj U. E. A.) je la vidpunkto de ilia utileco por nia movado:

1-e. *Kuniĝo de la naciaj societoj* estas necesa, ĉar:

A) Propagando en iu nacio estas grave plifaciligata de sukcesoj en aliaj;

B) En kelkaj okazoj samtempa kaj ordigata agado havigas multe pli grandan profiton ol senorda batalo;

C) La gravaj societoj, kunigante siajn fortojn, povas instigi kreadon de nacia societo en alia lando, kie ankoraŭ ĝi ne ekzistas kaj helpi ĝin komence.

Por tiuj motivoj la naciaj societoj devas interkonsenti por krei centran organon, kiu plenumos tiujn taskojn, sciigante al ĉiu agadon de aliaj, ordigante komunan agadon, uzante plej taŭge kunigitajn fortojn, nome ĉe la internaciaj organismoj.

2-e. Je la vidpunkto de nia studo, oni povas konsideri *Universalan Esperanto-Asocion* kiel kuniĝon de du partoj: Internacia Asocio de individuaj esperantistoj, kaj Societo por internaciaj servoj.

A) *Internacia Asocio de individuaj esperantistoj*, kiu estis tre utila

ĉe la momento kiam ĝi kreiĝis (ĉar tiam ekzistis neniu ligilo inter la diversnaciaj esperantistoj) *ne plu utilis* de la momento kiam kreiĝis kuniĝo de la naciaj societoj, ĉar tiu kuniĝo starigas ankaŭ ligilon inter ĉiuj samideanoj, pere de la naciaj societoj al kiuj ili apartenas.

*Ne prave U. E. A. diras ke ĝi vigligas solidarecon inter siaj membroj*, ĉar nur la delegitoj plenumas servojn (t. e. 2.000 membroj el 8.000) kaj per neniu rimedo: gazeto, paroladoj, kunsidoj, k. t. p., ĝi vigle laboras por tiu celo. Aliparte ĉu esperantisto bezonas ke oni vigligu en sia spirito la internan ideon? Sekve je tiu vidpunkto U. E. A. ne utilas.

Sed plie *tiu parto de U. E. A. malutilas*, ĉar:

a) Ĝi kreas konfuzon kun kuniĝo de naciaj societoj, pro sia ne praviĝita nomo de universala, por la neesperantistoj kaj eĉ por la esperantistoj, kiuj ne estas tre spertaj pri organizo de la movado;

b) Pro tio, ofte tiuj lastaj aliĝas al U. E. A. anstataŭ al nacia societo, kredante per tio plenumi sian devon al Esperanto;

c) Same faras la esperantistoj, kiuj ne povas aŭ ne volas pagi du kotizojn, ĉar U. E. A. havigas al ili profitojn, kiujn ne donas nacia societo;

d) Ankaŭ aliĝas al U. E. A. esperantistoj, kiuj pro persona—aŭ alia ne konsiderinda motivo—ne volante aliĝi al sia nacia societo, tamen deziras partopreni la movadon; kaj tiu ebleco plifaciligas tiun sintenadon, donante al ili specon de senkulpigo.

*Ne prave U. E. A. diras ke ĝi donas al iu esperantisto*, en lando kie ne estas nacia societo de propagando, rimedon utili al nia movado per lia aliĝo, *ĉar U. E. A. ne farante propagandon*, tiu samideano neniel utilas por tiu propagando.

*Pro tiuj diversaj kaŭzoj U. E. A. okazigas perdon de gravaj fortoj por la propagando, ĉefa tasko de esperantistoj.*

B) La dua parto de U. E. A., t. e. *Societo por internaciaj servoj* povus grave utili por nia movado, se ĝi estus taŭge organizita.

*Ne prave U. E. A. diras ke ĝi utilas la propagandon pro siaj servoj*. La nombro kaj dislokiĝo de la delegitoj en la tuta mondo pruvas efektive disvastiĝon de Esperanto; sed tion ankaŭ pruvas la societoj kaj grupoj de propagando. Multon oni devus ankoraŭ fari antaŭ ol serioza kaj praktikema homo povus esti certa ke uzo de tiuj servoj pravigas lernadon de Esperanto—*kaj U. E. A. nenion faras por perfektigi sian aranĝon.*

Tiun malbonan aranĝon pruvas la terure alta prezo de la funkciado. *Ĉiujare U. E. A. ricevas de la esperantistoj* 80.000 *svisajn frankojn* por funkciigi 2.000 delegitojn (kiuj laboras senpage), publi-

kigi jarlibron de tricent malgrandaj paĝoj, kaj gazeton tute senutilan por tiuj servoj.

* * *

El tiu studo rezultas ke, se oni volas organizi nian movadon konservante nur la utilajn partojn, sufiĉos aranĝi, laŭ plej taŭga kaj simpla maniero, *kuniĝon de la naciaj societoj de propagando* kaj *la internaciajn servojn de U. E. A. reorganizitajn.*

Tion faras la *Universala Federacio Esperantista* (U. F. E.) proponita de la konstanta reprezentantaro dum la Pariza Kongreso.

* * *

Antaŭ unu jaro, S-ro *Stettler*, nuna prezidanto de U. E. A., skribis al mi: «*U. E. A. ne ekzistas por si mem, sed por la movado. Ĝi ŝatas siajn aranĝojn ĉar ĝi kredas ilin utilajn por la celo, do por la movado. Sekve se oni pruvos ke aliaj aranĝoj, aŭ tute nova organizaĵo, taŭgos pli bone, tiam ĝi volonte alportos tiujn aranĝojn sur la altaron de la komuna bono. Tion mi konsideros ne ofero, sed simpla saĝo.*»

Nu, per kelkaj ŝanĝoj—certe gravaj, sed ne fundamentaj—en siaj aranĝoj, U. E. A. povas fariĝi U. F. E.

Ĉu la supremontritaj pruvoj ne sufiĉos por konvinki S-ron *Stettler* kaj la aliajn gvidantojn de U. E. A., ke konsento pri tiuj ŝanĝoj alportos grandan profiton al nia movado—kaj al U. E. A. mem?

ROLLET DE L'ISLE,
*Dumviva membro de U. E. A., membro de I. C. K.*

---

## ALIĜO AL LA UNIVERSALA FEDERACIO ESPERANTISTA

La Centra Oficejo de la Universala Federacio Esperantista en Ĝenevo sciigis nin, ke laŭ ricevitaj informoj, intertempe ankoraŭ la sekvantaj naciaj societoj aliĝis al la Federacio:

Litova Esperanto Asocio.
Brazila Esperanto Ligo.
Japana Esperanto Instituto.

La laboro de la Federacio estas en plena marŝo. La aliĝintaj societoj dum ĉi-tiuj tagoj ricevas detalajn informojn pri la stato de la aferoj.

# IX MONTARPOEMO

DE L'

## Markizo de Santillana

Fraŭlinon de *Bor'o* (1),
Al mi ĉe *La Lam'o* (2),
Vidigis Amoro.

I

Mi kredis : libera,
Amoro min lasis,
Ĉar tempo forpasis
Sen io sufera
Pro ama doloro,
En kies la flamo
Bruliĝas la koro.

II

Majesta, gracila
Tutplene la pozo;
Vizaĝo laŭ rozo
Tre freŝa kaj brila,
Kun ĉarma koloro
Plej bela de l' gamo,
La sola, sinjoro.

III

—Fraŭlino, pro tio
(Mi diras), jen celo :
Pro ŝia la belo,
Eliru al scio
Plej bela la floro;
Konigu ĝin famo
Per laŭdo kaj gloro.

IV

Jen ŝi : —Kavaliro,
Nun lasu la vojon
Libera, ĉi fojon,
Al mia la iro.
Min celas, sinjoro,
Paŝtistoj de *Fram'o* (3)
Kun nobla la koro.

V

—Paŝtista jam estu,
Do, mia la rolo;
Laŭ via la volo,
Por ĉiam mi restu;
Pli rava sonoro
Ja estos de l' *bram'o* (4)
Ol najtingalĥoro.—

VI

Dialogon ni finis;
Kaj estis plezuro
En ĝusta mezuro;
Konsento nin klinis.
Atestis nur floro
Apud *Espinam'o* (5),
Ĉiel' kaj Amoro.

Tradukis :
*Julio Mangada Rosenörn.*

(De la libro «Santander»).

---

(1), (2), (3), (5) Nomoj de vilaĝoj kaj vilaĝetoj.

(4) Delikata malgranda stiplo rektangula, iomete longa, tre mallarĝa rilate la longeco, maldika, traborita ĉe la centro de unu el la ekstremoj, por ligi ĝin al ŝnureto proksimume unu metron longa, por rotacii ĝin rapide kaj produkti bruon similan je tiu de la vento; kiun ankaŭ uzas la paŝtistoj por gvidi la brutarojn.

# IX SERRANILLA

DEL

## Marqués de Santillana

Mozuela de Bores (1),
Allá do La Lama (2),
Púsonm' en Amores.

I

Cuydé que olvidado
Amor me tenía
Como quien s'avía
Gran tiempo dexado
De tales dolores,
Que más que la llama
Queman amadores.

II

Mas vila fermosa
De buen continente,
La cara placiente
Fresca como rosa,
De tales colores
Qual nunca ví dama
Nin otra, señores.

III

Por lo qual,—señora,
(Le dixe), en verdat,
La vuestra beldat
Saldrá desd' agora
Dentre estos alcores,
Pues merece fama
De grandes loores.—

IV

Dixo: —Cavallero,
Tiradvos afuera:
Dexat la vaquera
Passar al otero;
Ca dos labradores
Me piden de *Frama* (3)
Entrambos pastores.—

V

—Señora, pastor
Seré si queredes:
Mandarme podedes
Como a servidor:
Mayores dulzores
Será a mí la brama (4)
Que oyr ruiseñores.—

VI

Asy concluymos
El nuestro proceso
Sin facer exceso,
É nos avenimos
É fueron las flores
De cabe *Espinama* (5)
Los encubridores.

(Del libro «Santander»).

---

(1), (2), (3), (5) Aldeas y aldehuelas.

(4) Tablita delgada y rectangular que, pendiente de una cuerdecilla, se hace girar produciendo un zumbido, parecido al del viento, que se usa también para conducir los rebaños.

# PER LERNEJOJ KAJ PER INSTRUISTARO ESPERANTO VENKOS

De KARL KROEBER, Riesa, Germ., Prezidanto de *Saksa Asocio de Esperantistaj Geinstruistoj.*

En la postmilita tempo la internacia kunlaborado urĝiĝis ne nur en ekonomiaj kaj politikaj sed ankaŭ en scencaj rondoj. Tiel la pedagogoj kuniĝis en «Internacia Unuiĝo de la Instruistasocioj», en «Internacia porkleriga Laboristaro», en «Internacia Profesia Sekretariejo de la instruistaro» en «Internacia Laborrondo por Nova Edukado» kaj fine en la «Mondunuiĝo de la Edukistaj Asocio» (Amerika). Internaciaj kongresoj de fakuloj estis necesaj kaj kun ili internacia interkomprenigado. Kiajn spertojn oni faris, uzante dum tiuj internaciaj kongresoj iun ajn nacian traduklingvon kaj al kiu postulo oni venis, tion pruvu kelkaj notoj el la raportoj pri jenaj fakkongresoj.

La raportanto en la «Leipziger Lehrerzeitung» («Leipziga instruista gazeto») raportas pri la internacia pedagogia kongreso de la Amerika Edukista Asocio en Ĝeneve 1929, ke la interkompreniĝado per la Angla kaj la Franca lingvoj same kiel per la Germana estis tiom fiaska, ke finfine li postulas por venontaj kongresoj: «Ĉiu parolu en sia gepatra lingvo aŭ en Esperanto; sekvu nur unu traduko, Esperanten aŭ en tiun lingvon, kiun la plimulto decidas.»

La 1200 partoprenintoj de la pedagogia kongreso de la Internacia Laborrondo por Nova Edukado en Locarno 1927 bedaŭris, ke ili ne sufiĉe scipovis kompreni unu la alian. Oni decidis, dum la posta kongreso traduki la prelegojn Esperanten.

Jen la spertoj, kiujn oni faris dum kongreso internacia en Praha 1927, kiun aranĝis la Internacia Eduka Oficejo en Ĝeneve kaj dum kiu oni uzis Esperanton laŭ la temo: «Al paco per la lernejo»: «La plej impresplena travivaĵo estis la uzado de Esperanto kiel konferenclingvo. Ĝi estis mirinda kiom facile la partoprenintoj el 16 nacioj interkompreniĝadis ankaŭ dun la diskutoj.» — Menciinde estas ankoraŭ la jena: La Germana Geinstruista Asocio, al kiu apartenas pli ol 150.000 Germanaj instruistoj, akceptis en sia ĉefkunveno en Dresden 1929 resolucion, «subteni ĉiujn klopodojn en lernejo kaj inter la instruistaro, kiuj celas disvastigi la mondhelplingvon».

Sed ne nur la instruistaj organizacioj sed ankaŭ ĉiu unuopa instruisto havas per Esperanto profiton por si mem kaj por la lerneja infano. Ekzemple lastsomere Germanaj infanoj travivis per Esperanto la lipertempojn en Danlando, kaj samtempe la infanoj de la samaj Danaj familioj estis gastoj de la Germanaj familioj, konatiĝis kun fremda

lando kaj popolo, amikiĝis de familio al familio kaj eĉ ekestis la deziro pri ripeto de tiu interŝanĝo. En tio estas la solvo de la propaganda problemo! La infanon oni starigu en la mezon de niaj varbaj klopodoj! La junularon oni kaptu per praktika aplikado de Esperanto en la citita senco! Kaj por tiu grava laboro ĉie kaj ĉiam oni bezonas la instruistaron. Ni scias, ke la instruistaro de multaj landoj ĝis nun jam multnombre servas al nia movado kaj en la nuna kriza tempo ili ofte oferas multon tie, kie pro la krizaj ŝpardeketroj... Esperanto-instruado ne plu estas pagata. En 1.021 lernejoj 6.737 geinstruistoj el 60 landoj laboras por Esperanto, kiel sciigas la plej nova statistiko de la International Auxiliary Linguage Association (New York). Tio estas respektinda nomoro! Sed ne sufiĉas, se ĉiu instruisto laboras por si mem kaj en sia lernejo kaj ĝojas pri la taugeco de Esperanto! Li ankaŭ havas la devon, subteni kaj fortigi la fakan internacian organizon de la geinstruistoj Esperantistaj. Ne estas sufiĉe konate inter la samideanaro, ke laboras diligente jam forta TUTMONDA ASOCIO POR GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ, kiu per sia fakorgano «INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO» havas valoran interligilon inter la instruistaro gazeto, kiu elvenas de la fama eldonejo de «Heroldo de Esperanto» kaj kiu nun jam aperas la dekan jaron. Ĝia enhavo alportas iom por ĉiu instruisto: pri scenca pedagogio, pri kongresoj kaj laboroj de internaciaj instruistaj asocioj, pri lernejo kaj instruistaro en diversaj landoj, recenzojn pri Esperantaj kaj pedagogiaj verkoj. Pri Esperanto en la lernejo kaj inter la instruistaro, korespondservon por instruistoj kaj lernantoj. Do, riĉa enhavo!

Se oni pripensas la supre cititan grandan nombron de la jam nun ekzistantaj Esperantistaj geinstruistoj, devus esti facilaĵo, pligrandigi la ĝisnunan abonantaran nombron de 850 al unu aŭ du miloj, se ĉiu helpus varbi por la instruistara asocio internacia, kiu devas fariĝi la plej forta fundamento de nia movado, se Esperanto devas venki. Sed kiom multe da geinstruistoj ankoraŭ estas apudstarantaj. Kiom granda estus la sukceso, se ĉiu instruisto, kiu trovis la vojon al Esperantujo, ankaŭ trovus la vojon al sia fakasocio «TUTMONDA ASOCIO DE GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ»=T. A. G. E., kaj al ĝia fakorgano «INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO»=I. P. R. En kelkaj landoj, ekz. en Svedujo kaj en Germanlando, la fervoraj Esperantistaj geinstruistoj fondis specialan sekcion Esperantan interne de la landa profesia instruista asocio, per kiu ili ricevas kaj per la naciaj instruistaj gazetoj moralan kaj per la profesia organizo de la instruistoj ankaŭ financan subtenojn. La TAGE-organizo vidas en tio sian plej gravan taskon, instigi la diverslandajn instruistojn, agi laŭ la modelo de la Svedo kaj la Germana Esperantistaj instruistaj asocioj.

La skribanto de tiu letero, kiu estras kiel prezidanto la Saksan Unuiĝon de la Esperantistaj Geinstruistoj, estas volonte preta, doni konsilojn al fondontoj de tiaj asocioj landaj, kiuj havas grandan valoron kaj por la instruistoj de la Esperantistaj geinstruistoj de via lando.

Samideanoj, bonvolu instigi la Esperantistajn instruistojn de via lando, ke ili aniĝu al la grava fakasocio TAGE, anoncu iliajn adresojn al la administranto de TAGE, por ke ĝi sendu varbmaterialon aŭ specimenan numeron de la fakorgano IPR, kies jarabono kune kun la jakotizo por TAGE kostas nur unu dolaron Usonan. Vi per tio ne nur helpos al la plej grava fakorganizo de nia movado, sed per tio vi kunbatalas por la baldaŭa fina venko de Esperanto, ĉar

PER LERNEJOJ KAJ PER INSTRUISTARO
ESPERANTO DECIDE PROGRESOS
KAJ FINFINE VENKOS!

Adreso de la administranto de TAGE: KURT HOFMANN, Felgenhauerstr. 63, Riesa, Germanlando.

Poŝtĉeka konto en Dresden n-ro 263 79.

## ENLANDA KRONIKO

*Zaragoza.*—La movado ĉi tie vigliĝas ĉar en diversaj societoj fondiĝis esperantaj fakoj kies membroj parte devenas de la grupo «Zaragoza Esperantista», kiu, tamen, rimarkinde progresas, kiu havas tiel fortan vivon, ke ĝi eldisiĝas por fariĝi novaj aroj el fervoraj samideanoj, kvankam ili agadu en politikaj kaj sociaj rondoj elirante el nia neŭtrala kampo. Ĵus kreiĝis esperantaj gravaj fakoj en Ateneo de Divulgación Social (Delicias), Ateneo Racionalista (Torrero), Ateneo de Hernán Cortés y Ateneo Libertario (San Carlos, 3), kaj la kvar fakoj fondis la Laborista'n Grupo'n Esperantista'n.

Nia nelacigebla samideano S-ro José Carnicer gvidadas tri kursojn, kaj S-ro José González ĵus malfermis alian kurson.

*Barcelona.*—La «Zamenhof-Instituto», el Barcelono, senlace daŭrigas sian poresperantan taskon. Precipe sukcesa estas ĝia Koresponda Kurso de Esperanto, kiu havas lernantojn en diversaj lokoj de Hispanujo.

La Instituto posedas en sia Biblioteko porblindulan fakon, kies direktoro estas S-ro Jakobo Bellfort, delegito de la gazeto «Esperanta Ligilo» en Barcelono, kaj ankaŭ brajlskriban aparaton por la uzo de la nevidantoj.

Lastatempe la «Zamenhof-Instituto» entreprenis viglan agadon por

helpi la samideanojn el Valencio en siaj klopodoj restarigi la forbrulintan Muzeon el tiu urbo. Ĝis nun estis kolektitaj inter kelkaj samideanoj kaj simpatiantoj el la regiono kataluna diversaj natursciencaj objektoj; fosilioj, konkoj, mineraloj, k. t. p., kiujn la Instituto sendos al la valenciaj samideanoj, por ke ili transdonu ilin al la dirita muzeo. Por ĉiuj informoj rilate tiun laboron de kultura solidareco, oni sin turnu, kunsendante poŝtmarkon por la respondo, al la «Zamenhof-Instituto», Sitjas, 3, pral., Barcelona.

* * *

Niaj samideanoj S-roj Juan García kaj Miguel Torner ĵus fondis novan Grupon, kies loĝejo estas Paseo de Fabra y Puig, 35 (S. A.); H. E. A. gratulas la samideanojn de tiu Grupo kaj deziras al ili sukceson.

* * *

Ĉe la eksploristoj, nia kompetenta kaj malnova pioniro S-ro Ludoviko Campos ĵus ekklarigis kurson. Kelkaj lernantoj profitos esperanton por ĉeesti la internacian jamboreon.

*Sestao* (Vizcaya).—Ĉi tie la entuziasmo por esperanto pligrandiĝas, kaj estas granda deziro de ĉi tieaj samideanoj por aliĝi al Hispana Esperanto Asocio, pretaj kunagadi al triumfigo de nia idealo konsciante ke unuiĝo estas forto.

---

# DIALOGO DE IVAN TURGUENEF

*Nek la Yungfrau, nek la Finsteraarhorn estas piedpremitaj de la homo.*

Jen la pintoj de l' Alpoj. Jen ĉeno el multenombraj altegaj krutegaj montoj ĉe la koro mem de la montaro. Muta ĉielo, diafane verda, kurbiĝas supren de la montaro. Estas la malvarmo kvazaŭ malglata kaj mordanta. La neĝo fulmas. De sub la neĝo elvidiĝas grandegaj masoj el glaciaj rokoj. Du monstroj, du gigantoj elstariĝas en du flankoj de la horizonto: la *Yungfrau* kaj la *Finsteraarhorn*.

La *Yungfrau* sin turnas al sia najbaro, dirante:

—Kian novaĵon vi sciigas al mi? Vi povas vidi pli bone ol mi. Kio okazas tien, suben?

Pasadas kelkaj jarmiloj kvazaŭ estus minuto, ĝis kiam la laŭ tondra voĉo de la *Finsteraarhorn* aŭdiĝas, respondante:

—Densaj nuboj kovras la teron... Atendu!

Pasas alia jarmilo kvazaŭ ĝi estus momento.

—Kaj nun?—demandas ree la *Yungfrau*.

—Nun mi vidas suben samon, kion ĉiam mi vidis: ion malgranda kaj konfuza. La akvo speguliĝas hele blue; nigriĝas la arbaroj kaj malafablaj masoj el ŝtonoj elvidigas sian neklaran grizaĵon. Ĉirkaŭen, ankoraŭ svarmas tiu mizeraĵo, ĉu vi komprenas?, tiuj malgrandaj sensignifaj dupieduloj, kiuj neniam estas povintaj piedpremi vin kaj min.

—Ĉu la homoj?

—Jes; la homoj.

Alia jarmilo pasas, kvazaŭ alia momento.

—Kaj nun, kio okazas?—redemandas la *Yungfrau*.

—Oni povus diri, ke estas malpli da tiaj bestetoj—tondre respondas la *Finsteraarhorn*. Pli klare nun oni vidas suben. La akvo kaj la arbaroj malpligrandiĝis.

Alia jarmilo pasas, kvazaŭ alia minuto.

—Kion vi vidas nune?—la *Yungfrau* demandas ree.

—Ĉirkaŭ ni, en la proksimeco, kiel se ankoraŭ estus pli granda puriĝo—respondas la *Finsteraarhorn*—. Sed pli malproksimen, ankoraŭ oni rimarkas makulojn en la valoj kaj ion, kio moviĝas.

—Kaj nun?—denove demandas la *Yungfrau* al sia najbaro, kiam nova jarmilo pasis.

—Nun, tute en ordo. Ĉie granda pureco. Kien ajn mia rigardo celas, ĉio estas blanka. Ĉie kuŝiĝadas nia neĝo sama kaj solida. Ĉio glaciiĝis. Kio feliĉo! Nun ĉio estas trankvila—rerespondas la *Finsteraarhorn*.

—Ha, kiel feliĉe estas ni!—ekkrietas la *Yungfrau*—. Maljunulo: sufiĉe ni babiladis, jam estas horo por ke ni endormiĝu iomete!

—Jes; jam estas ĝustatempa la momento.

La nemezureblaj montegoj endormiĝadas, kaj same dormadas la klare verda ĉielo supren de la tero muta por ĉiam, eterne.

---

# XIV MENSONGAĴO

## DE JUAN DE TIMONEDA

Ia reĝo, dezirante depreni la abatpostenon al tre honesta abato kaj ĝin doni al alia, pro iaj malpacigemuloj, lin vokis kaj diris al li:

—Riverencinda Patro, ĉar mi estas informata ke vi ne estas tiel klera konvenas kaj via posteno postulas; por la pacigo de mia regno kaj la malŝarĝo de mia konscienco, mi volas demandi al vi tri demandojn, kiuj, se de vi estas klarigitaj al mi, vi faros du aferojn: unua, ke restos kiel mensonĝemaj la homoj, kiuj tiel kalumniis vin; la alia, ke mi konfirmos vin, dum tuta via vivo en la abatpostenon; kaj, kontraŭe, vi devos pardoni.

Al kio respondis la abato:

—Diru via alta Moŝto, ke mi faros mian tutan eblon por klorigi ilin.

—Do, atentu, diris la reĝo. La unua, kiun mi volas, ke vi klarigu al mi, estas ke vi diru po kiom mi valoras; kaj la dua, kie estas la mezo de la mondo; kaj la tria, kio estas tio kion mi pensas. Kaj por ke vi ne pensu ke mi volas rapidigi vin, ke vi klarigu ilin al mi, sen pripense, iru, ke unu monaton mi permesas al vi pripensi.

Reveninte la abato en la monaĥejo, li atente rigardadis siajn librojn; neniam li trovis al la tri demandoj respondon ian, kiu estu sufiĉa. Kun tia imago, ĉar li iris tra sia monaĥejo argumentante en si mem tre profunde, al li diris ian tagon lia kuiristo:

—Kio okazas al Via Patra moŝto?

Tion kaŝante la abato, rediris la kuiristo:

—Ne rifuzu tion diri al mi, Sinjoro, ĉar iafoje «sub malriĉa mantelo kuŝas bona drinkanto» kaj «malgrandaj ŝtonoj movas grandajn ĉarojn».

Tiel multe li ĝenis lin, ke li devis diri al li la aferon. Dirite, diris la kuiristo:

—Via Patra Moŝto faru aferon kaj ĝi estas, ke vi pruntedonu al mi viajn vestaĵojn kaj mi razos mian barbon kaj, ĉar mi al vi similas iomete, kaj mi iros vesperiĝe en la ĉeeston de la Reĝo, li ne malkovros la trompadon; tiel ke li akceptos min kvazaŭ vian Patran Moŝton, mi promesas vin eltiri el tia penado; je la fido de tiu, kiu mi estas. Konsentis la abato; vestis la kuiristo liajn vestaĵojn, kaj kun sia servisto poste, kun ĉia ceremonio tia kia konvenas, li venis en la ĉeesto de la Reĝo.

La reĝo, tiam, kiam lin vidis sidigis lin apud si, dirante:

—Nu, kiuj novaĵoj estas, abato?

Respondis la kuiristo:

—Unue, al tio kion via Reĝa Moŝto demandis, po kiom vi valoras, mi diras ke dudek-naŭ monerojn, ĉar Kristo valoris tridek. Due, ke kie estas la mezo de la mondo, ĝi estas tie, kie via reĝa moŝto havas la piedojn, kaŭze ke, ĉar ĝi estas ronda kiel bulo, kie oni metas la piedon, tie estas la mezo de ĝi, tion oni ne povas nei. Trie, ke via reĝa Moŝto diras, ke mi diru kion vi pensas: tio estas ke vi pensas paroli kun la abato, kaj vi estas parolante kun lia kuiristo.

La reĝo mirite pro tio diris:

—Ĉu estas vere ke tio okazas?

Li respondis: —Jes, sinjoro, ke mi estas la kuiristo, ĉar por tiaj demandoj, mi sufiĉas, kaj ne mia sinjoro la abato.

Vidante la reĝo la aŭdacon kaj la rapidecon de la kuiristo, li ne

nur konfirmis la abatpostenon por ĉiuj liaj vivtagoj, sed li akordis senfinajn premiojn al la kuiristo.

(Del «Patrañuelo» (Mensongaĵisto), koleketo da 20 fabeloj, en kiuj J. de T. rakontas per bela stilo epizodojn kaj morojn de Mezjarcentoj).

Noto de l' T.—Mi legis, en miaj unuaj tempoj de E. similan rakonton kiel rusa popola fabelo; sed mi ne rememoras pri la aŭtoro. Ĉu ia sam.° povus klarigi al mi pri la afero?

A. N. D.

## LA DESTINO

La rivero estas kvazaŭ kvieta lago; ĝia akvo estas pure blua, ĉar ĝi speguligas la bluan ĉielarkaĵon.

Arba branĉeto kun freŝaj tre verdaj folioj milde flosas sur la akvo silentanta kvazaŭ respektanta la kanton de libera najtingalo, je la sunkuŝiĝo de somera tago, kiam la suno adiaŭas nin kaj elradiigas sian oran lumon en la ruĝan horizonton kvazaŭ benante nin ankaŭ.

Al la tero alvenas la ombroj. Ĉe la bosko, fariĝas malheleco. La branĉeto malrapide translokiĝas puŝate de la milda fluo de la rivero, kiu ŝajnas konservadi la harmonion de la vesperiĝo akompanatan de la najtingala kanto.

Viro, sidante sur trunko de maljuna hakita arbo ĉe la bordo de la rivero, rigardadas la branĉeton kaj ĝian mildan navigacion. Li rimarkas kiel la akvo pli kaj pli blumalheliĝas; ke la najtingalo ĉesigis sian ravantan kanton. Li levas sian rigardon en la ĉielon, kaj tiun ĉi li vidas plena je steloj brilantaj kvazaŭ diaj lampoj.

En la bosko, la foliaro milde balanciĝadas kaŭze de la venteto kvazaŭ murmurante; ŝajnas, ke la bosko montriĝas kontenta, ĉar ĝin liberigas el la servuto al la suno la nokto. La rivero pretiĝas esti spegulo de la luno, kiu aperas kiel nekomparebla diino...

La viro sentas malvarmon: la soleco de la kamparo, sen suno, naskas liajn suspektojn kaj timojn, kiujn li ne scias klarigi al si. Li ekiras al vilaĝo, al renkontiĝo kun similuloj, kiuj malklarigas la akvon, kiuj detranĉas la arbojn, kiuj ĉasas la najtingalojn, kiuj suferigas la similulojn...

La branĉeto kun freŝaj kaj tre verdaj folioj estas puŝita de la fluo en la riverbordon, kaj ĉe tiu ĉi ĝi restas detenata de arbeto bananta sian branĉaron en la akvon dum ĉi tiu fluadas: la branĉeto atingis sian *Destinon*!

Hispane verkis: *Civilizazio.*

## KURIOZAĴOJ

## SINTEZA EDZIĜO

Kuracisto je Usono havis ĝustelokita ĉe la pordo de sia kliniko, jenan avizon:

«ONI PETAS LAKONISMON»

Unu fraŭlino estis tre atenta al la supre citita avizo. Ŝi eniris en la klinikon kaj ne donante almenaŭ la *bonan tagon*, ŝi prezentis al la Doktoro, senvestan vunditan brakon. Ili interparoladis jene:

Doktoro.—Ungogrataĵo?
Fraŭlino.—Mordvundo.
D.—Hundo?
F.—Kato.
D.—Hieraŭ?
F.—Hodiaŭ.
D.—Doloras?
F.—Ne.
D. (ĉarmita de la lakonismo de la kliento.)—Sinjorino?
F.—Fraŭlino.
D.—Sola?
F.—Jes.
D.—Libera?
F.—Jes.
D.—Ĉu vi konsentas esti mia edzino?
F.—Mi konsentas.
D.—Dankon!
F.—Same!

La sekvantan tagon ili edziĝis.

Plibonaĵoj de la sinteza interparolado.

FINO

Esperantigis: F. OLIVAN

———o———

*Romana Nekropolo.* — Per elfosaĵoj en Coscojuela de Fontava (provinco Huesca - Hispanujo) oni eltrovis, laŭ la teknikistoj, gravan nekropolon kristanan de la kvara jarcento, en kiu oni elkaŝis mirindajn mozaikojn, monerojn de la imperiestroj Maksimino II[a], Konstantino II[a], Konstancio, Juliano kaj Graciano, stampilojn, ringojn, bukojn kaj aliajn objektojn. La nekropolo havas tre gravan historian kaj artan valorojn, ĉar pri ĝia epoko estas malmultaj scioj kaj la mozaikoj de

la tomboj estas la plej bonaj ĝis nun trovitaj. Oni daŭrigas la elfosaĵojn.

———o———

*Elkaŝo de gigantaj fosilioj.*—En Torre Padre (provinco Burgos - Hispanujo) elfosante en sabla kampo, oni elkaŝis fosiliojn de bestoj gigantaj. Unu el ili tutplene kaj perfekte elkaŝita estas longa je dudek metroj; la kapo de alia ankoraŭ, ne tute elkaŝita, estas longa je dekunu metroj. Pro la formo oni opinias, ke la bestoj estis akvoloĝantaj. Opinias la sciencistoj ke la fosilioj estas tre gravaj por la scienco. Ankoraŭ oni ne difinis kaj klasigis ilin.